Esperanto servu la pacon!

# A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

№10(25) Oktobro 1975

## PROGRESANTOJ EN SEJT

Fine de SEJT-17 mi faris negrandan sociologian esploron inter anoj de paroligaj kursoj. La enketojn plenigis 31 personoj. Klariginte buŝe la situacion rilate al la progresantoj en SEJT-oj, mi petis ilin voĉdoni por unu el formoj de SEJT el la jenaj:

1. Komuna tendaro por spertuloj kaj progresantoj (10 tagoj).
2. Aparta tendaro por progresantoj antaŭ la komuna tendaro (10+10 tagoj).
3. 5-taga paroliga kurso antaŭ la tendaro (5 tagoj + 10 tagoj).
4. Apartaj tendaroj por progresantoj en ĉiuj E-regionoj (de diversloke) kaj poste SEJT.

Krome, mi petis ilin skribi siajn opiniojn pri la finiĝanta SEJT. La voĉoj dividiĝis jene:

| Skemo de SEJT | Kvanto de voĉoj por tiu skemo | Skribis sian opinion pri la tendaro |
|---|---|---|
| 1 | 1 | - |
| 2 | 18 | 7 (ĉiuj en Esperanto) |
| 3 | 12 | 8 (el ili 6 en la rusa) |
| 4 | - | - |

Ne elvokas dubon la deziro de neparolantaoj pli bone lerni la lingvon. La pli kuraĝaj skribis sian opinion pri la finiĝanta tendaroLa Inter ili eblas distingi 2 grupojn: la unua skribis E-te, voĉdoninte por la 10-taga paroliga kurso, la alia grupo, skribinta plejparte ruse, subtenis la 5-tagan paroligan kurson.

Kvankam la enketado enprenis nemultajn personojn, el ĝi tiriĝas sufiĉe palpeblaj konkludoj:

1) Nek komuna nek regionaj tendaroj altiras la progresantojn. Se pri komuna SEJT ni havas sperton, pri regionaj tendaroj necesas nur eksperimenti.

2) Inter la progresantoj oni povas bone distingi du grupojn. La unua venas al SEJT-oj estante ĉe la limo:E-ekparolo. La dua konsistas el homoj, kiuj devas sufiĉe longe ekzerci sin antaŭ ol ekparoli en E.

Sekve, SEJM devas iom elaste aliri la problemon de progresantoj en SEJT-oj kaj eble kune kun 5-tagaj paroligaj kursoj organizi ankaŭ 10-tagajn. La kursestroj devas difini, kiu el iliaj gekursanoj al kiu paroliga kurso venu.

La plej multo el la enketitaj taksis la laboron de la tendaro por 4, tamen estis skribitaj jenaj kritikaj rimarkoj, kiujn atentu la organizontoj de sekvaj SEJT-oj.

1. Ne estis organizita studado de E-kantoj.
2. Spertaj geesperantistoj ne ĉiam volonte helpis al progresantoj. Krome, en tendojn oni devus enloĝigi progresantojn kaj spertulojn kune.
3. En la tendaro estis malbona disciplino.

4. Estus bone, se okazus renkontiĝo inter spertaj kaj komencantaj esperantistoj.(d. ~~la aŭtoro~~). La komencantoj restis sen atento.

5. Necesas pli bone organizi la liberan tempon ĉe la fajro post la koncertoj, KGS ktp.

6. Necesas pli severa puno por krokodiloj (de ~~la aŭtoro~~).

7. Oni malbone atentis la laboron de la kuiristoj.

Fine, skribis ja progresantoj!

A.Gonĉarov (Barnaul).

NI ESTAS SOVETAJ ESPERANTISTOJ
(Repliko al la aŭtoroj de "Malfermita letero...", "A"-21)

Mi plejparte konsentas kun la aŭtoroj de la letero: ni perdas la tempon. Kvankam la movado progresas, sed ofte ĝi ne estas aktuala. 30 jaroj post la Granda venko estas glorinda datreveno, kaj ĝin oni devas festi kun la tuta soveta popolo, sed ne esti pasiva partoprenanto. Ni estu aktivaj organizantoj! Estas propono, ke ĉiuj SEJM-kluboj, kiuj ne jam celebris la datrevenon de la Venko, faru tion. Ĝis la fino de la jaro ili povas korekti siajn mispaŝojn. Ekzemple, krasnojarskanoj planis kaj nepre organizis dediĉan ekspozicion. Sed mi deziras priparoli utilon de Esperanto por la nuntempaj kondiĉoj, ja por tiu-ĉi afero estas dediĉata la tuta nia laboro. En la regularo de SEJM estas skribita:"...Celoj de SEJM estas disvastigo kaj praktika utiligo de Esperanto por propagandi la sovetan ideologion kaj la kulturajn de sovetaj popoloj eksterlande." Estas bonaj celoj! Sed ne estas tie la plej grava, laŭ mi, celo - edukado de E-junularo en la spirito de la proleta internaciismo, ja tiu ĉi celo devas esti unuavica!

Mi ne estas kontraŭ bona interna kluba agado. Komuna kantado, "amika rondo", Esperantujo, "samideano" - tio ĉi estas bezonata por kreado de bela Esperanta medio, kaj vane kontraŭstaras ĝin la aŭtoroj de la "Malfermita letero...". Sed nun tiu-ĉi laboro estas "afero deka". Nia nuna tasko - praktike realigi la sekvan punkton de la Regularo:"...SEJM agas, kunlaborante kun partiaj, komsomolaj, ŝtataj kaj sociaj instancoj,"-tio, kion ni nomas kutime "oficialaj instancoj". Ni devas per granda, ofte malfacila, laboro meriti la agnoskon kaj oficialiĝon. Tio signifas, ke ni laboru ne por Esperanto, sed per Esperanto! Mi opinias, ke la slogano de nuna momento devas esti iomete ŝanĝita: per Esperanto por soci-utila laboro! Kamaradoj, ĉu vi legis la dokumentojn de SEU? Tiamaj esperantistoj laboris por la socio! Ili propagandis aktualajn soci-politikajn problemojn kaj estis homoj de sia epoko. Ĉar ni, juna esperantistaro, estas organizitaj, ni devas fari la movadon pli aktuala, bezonata al nia kosma epoko. Nun ni devas servi per Esperanto al tri gravegaj objektoj: SOCIO, SCIENCO, KULTURO. Aliaj branĉoj de la lingva uzado ne estas tiom gravaj.

Miaj proponoj:

1. Rekomendi al SEJM-kluboj plialtigi la nivelon de la eksterlandaj kontaktoj (de la soci-politika flanko).
2. Pli alte taksi la eksterlandan laboron.
3. La SEJM-estraro faru al la kluboj rekomendojn pri la ideologio de la laboro. Estas gravega eraro, ke en la SEJM-Komitato ĝis nun ne estas vicprezidanto pri ideologia laboro.
4. Ellabori skizan statuton por la SEJM-kluboj.

V.Ŝapoĵnikov
(660075 Krasnojarsk-75, abon.k. 2420).

## POR LA STUDANTA JUNULARO

En la revuo "Hungara Vivo" N°4, 1975, p.25 estas publikita jena artikolo - peto pri kunlaborado en Studenta paĝo.

"En Hungario en pluraj superaj lernejoj ekzistas Esperanto-instruado, kiu havas du ĉefajn formojn. Unuparte, en tri porinstruistaj institutoj (Esztergom, Sárospatak, Szombathely) la gestudentoj povas lerni E-on kiel specialan studobjekton, kaj tiun lingvoscion ili povas fruktuzi dum sia futura bazlerneja instrupraktiko. Aliflanke, en la Filologia Fakultato de Budapeŝta Universitato Eötvös Loránd jam ekde la jaro 1965 funkcias E-a fako, sub la gvido de d-ro István Szerdahelyi, kie la estontaj mezlernejaj instruistoj ekkonas la E-an literaturon, la historion de la movado, kaj la sciencon de la artefaritaj lingvoj: la interlingvistikon.

En ĉiuj institucioj formiĝis Sciencaj Studrondoj, kies membroj diligente laboras, esplorante la ĝis nun ankoraŭ ne ellaboritajn kampojn de la esperantologio.

Sed ni scias, ke ankaŭ ekste rlande oftas la same agantaj studrondoj, science okupiĝantaj pri Esperanto.

Jenan debutantan rubrikon ni oferas al tiuj studrondoj, celante demonstri ilian sciencan kaj movadan agadon. Enkadre de tiuj laborgrupoj ja edukiĝas homoj, kiuj future - ĉu en pedagogia, ĉu en scienca kariero - kapablos altnivele kultivi la novajn sciencobranĉojn: la interlingvistikon kaj esperantologion.

Ni emas, ke la rubriko estu sisteme kaj enhava, taŭga por kapti ĉies atenton, kvankam temas pri gestudentoj kaj celas esti legata de gestudentoj.

Por laŭeble plej bone plenumi la celon, ni petas ĉiujn gvidantojn kaj anojn de ekster- kaj enlandaj sciencaj studrondoj, ke ili kontribuu al la redaktoro de nia rubriko. Ĉio interesas, kio okazas en la gestudenta vivo; ni atendas sciigojn, raportojn pri studentaj kaj studentrondaj eventoj, aŭ pri aliaj okazintaĵojn, kiujn partoprenis ankaŭ studentoj. Kaj bonvolu sendi viajn laboraĵojn, sciencajn kaj beletristikajn verkaĵojn, poemojn, poemtradukojn - ĉion, kio gravas, interesas! Jen, ni oferas eblon por la estontaj scienculoj, verkistoj, poetoj, por ke ilin povu ekkoni la vasta esperantista legantaro.

Ek al agado, verkado, gestudentoj!"

Adreso: "Hungara Vivo" H-1081 Budapest, Kenyérmező u. 6, Hungario.
Poŝta adreso: "Hungara Vivo", H-1368 Budapest, Pf. 193, Hungario.
Dezirante sukcesojn en poresperanta agado

S.Neilande, fakestrino de la Korespondа servo.

## DONECK ATENDAS VIN

La URSA-komitato intencas organizi 3-tagan regionan renkontiĝon junularan la 5-7-an de decembro. En la plano de la aranĝo, okazonta en la Donecka regiono, estas raporto de la komitato, pridiskuto de la laborplano por la 1976-a jaro, disputo "Ĉu estas bezonata regiona agado en SEJM?", priparolo de SEJM-problemoj. Estas planataj ekskurso al karba minejo, koncerto (preparu viajn programerojn!) kaj psikologia testado. Dum unu el vesperoj okazos konkurso de tostoj, dediĉitaj al virinoj. La konkurson, okazontan fine de la Internacia jaro de virinoj, eblas partopreni ankaŭ foreste. La plej bonaj tostoj estos surprize premiotaj.

Al la renkontiĝo ni invitas geesperantistojn (ne krokodilojn!) ankaŭ el aliaj respublikoj. Por ili la aliĝkotizo estos duoble pli malgranda ol por ukrainianoj. Ĉar la problemo de loĝigo ankoraŭ ne estas solvita, la dato de la aranĝo povas ŝanĝiĝi. Pri la ĝusta tempo, kondiĉoj de partopreno, plena programo de la renkontiĝo vin volonte informos Sergeo Miŝĉenko:

340094 Doneck-94, do vostrebovanija.

Li ankaŭ akceptas la tekstojn de testoj de forestaj konkursanoj. Sendu ilin kaj atendu premion.

URSA-komitato (Doneck).

## STATISTIKO DE SEJT-17

En SEJT-17 estis registritaj 201* personoj.

| Laŭ regionoj aliĝis | | Fakte venis |
|---|---|---|
| Centro-Rusio | 39 | 34 |
| Ĉebaltio | 31 | 27 |
| Mezazio, Kaŭkazio | 14 | 10 |
| Okcident-Siberio | 68 | 58 |
| Ukrainio | 9 | 7 |
| Volgo-Uralio | 77 | 65 |
| Sume | 238 | 201 |

Laŭurbe aliĝis:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. Angarsk | 2 | 26. Novosibirsk | 12 |
| 2. Barnaul | 22 | 27. Omsk | 8 |
| 3. BIjsk | 1 | 28. Orenburg | 1 |
| 4. Ĉelabinsk | 3 | 29. Permj | 1 |
| 5. Dimitrovgrad | 1 | 30. Poltava | 5 |
| 6. Glazov(Udmurtio) | 1 | 31. Rostov-Don | 1 |
| 7. Ĥarkov | 2 | 32. Riga | 6 |
| 8. Ivanovo | 14 | 33. Salavat (Baŝkirio) | 2 |
| 9. Joŝkar-Ola | 1 | 34. Soĉi | 4 |
| 10. Kasli (Ĉelab.reg.) | 1 | 35. Sterlibasevo (Baŝk.) | 2 |
| 11. Klaipeda | 9 | 36. Sterlitamak | 6 |
| 12. Klimovsk (Mos.reg.) | 1 | 37. Sizranj | 4 |
| 13. Kolomna | 1 | 38. Ŝiktivkar | 2 |
| 14. Kosino (Moskva reg.) | 1 | 39. Ŝiauliai (Litovio) | 1 |
| 15. Krasnojarsk | 12 | 40. Ŝuja (Ivanova reg.) | 1 |
| 16. Kretinga (Litovio) | 1 | 41. Talgar (Kazaĥ.) | 5 |
| 17. Kujbiŝev | 6 | 42. Taŝkent | 2 |
| 18. Leningrad | 1 | 43. Tiĥfin | 3 |
| 19. Lipeck | 2 | 44. Tula | 4 |
| 20. Makeevka (Ukr.SSR) | 1 | 45. Tjumenj | 13 |
| 21. Maĥaĉkala | 3 | 46. Ufa | 24 |
| 22. Meĵdureĉensk | 1 | 47. Ust-Kamenogorsk | 9 |
| 23. Miass | 11 | 48. Vilnius | 15 |
| 24. Moskvo | 7 | 49. Vilgort | 1 |
| 25. Mcensk (Orela reg.) | 1 | | |

Sume aliĝis al la tendaro (laŭ la aliĝiloj) 238 homoj.

El 198* partoprenintoj reprrzentintaj 44 sovetiajn urbojn 64 homoj estas de vira sekso, 134 de ina sekso. ~~NACIA KONSISTO de la tendaranoj~~

NACIECA KONSISTO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Rusoj | 129 | Germanoj | 4 |
| Litovoj | 24 | Kazaĥo | 1 |
| Hebreoj | 14 | Komio | 1 |
| Ukrainoj | 8 | Koreo | 1 |
| Latvoj | 5 | Osetino | 1 |
| Tataroj | 5 | Polo | 1 |
| Baŝkiroj | 4 | | |

---

*La nombro 201 estas ricevita el la posttendara statistika analizo. Dumtendare la statistika grupo kalkulis 198 partoprenantoj. Tial en sekvaj statistikaj faktoj konsideru, ke la nombro 201 estas pli preciza. Sed pro foresto de pluraj ciferoj de la statistiko ~~ĝi~~ pri 201 partoprenintoj, la Redakcio devas uzi tiujn ~~ĝi~~ pri 198.

| | Centra-Rusio | Ĉebaltio | Kaŭkazio, Mezazio | Okcidenta Siberio | Ukrainio | Volgo-Uralio | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| KPSU-membroj | 3 | 2 | 2 | 3 | 1 | 6 | 17 |
| VLKSM-membroj | 30 | 22 | 6 | 49 | 6 | 54 | 167 |
| Pioniroj | 2 | - | 2 | 1 | - | 3 | 8 |
| Instruistoj | 5 | 2 | 3 | 8 | 4 | 10 | 32 |
| Lernantoj | 3 | 1 | 3 | 4 | - | 6 | 17 |
| Sciencistoj | 3 | - | - | 1 | - | 1 | 5 |
| Inĝenieroj | 6 | 6 | - | 18 | 2 | 8 | 40 |
| Teknikistoj | - | 2 | - | 1 | - | - | 3 |
| Laboristoj | 1 | 1 | 1 | 4 | - | 7 | 14 |
| Oficistoj | 2 | 3 | 2 | 5 | - | 8 | 20 |
| Agrikulturaj spec. | - | - | - | 1 | - | 1 | 2 |
| Kuracistoj | 1 | - | - | 2 | - | 4 | 7 |
| Studentoj | 18 | 17 | 5 | 24 | 3 | 32 | 99 |
| Partopreno en SEJT | 34 | 27 | 10 | 58 | 7 | 65 | 201 |

LAŬAĜA KONSISTO* de la SEJT-anoj

Naskiĝis en 1906 - 1, 1917 - 2, 1923 - 1, 1928 - 1, 1927 - 1, 1930 - 1, 1935 - 1, 1936 - 3, 1937 - 3, 1938 - 5, 1939 - 3, 1940 - 3, 1941 - 4, 1942 - 4, 1943 - 3, 1944 - 2, 1945 - 2, 1946 - 5, 1947- 11, 1948 - 7, 1949- 11, 1950- 12, 1951- 14, 1952- 15, 1953- 26, 1954- 25, 1955- 19, 1956- 15, 1957- 13, 1958- 8, 1959 - 5, 1960 - 2, 1961 - 4, 1962 - 1, 1963 - 2, 1965 - 2, 1967 - 1. La meza aĝo - 24 jaroj.

KONSISTO LAŬ E-AĜO

SEJT-17partoprenis E-istoj de

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| la 1935-a jaro - 1 | 1963 | - 4 | 1969 | - 4 | 1975 | - 69 |
| 1956 - 2 | 1964 | - 1 | 1970 | - 16 | | |
| 1957 - 1 | 1965 | - 1 | 1971 | - 3 | | |
| 1958 - 3 | 1966 | - 4 | 1972 | - 17 | | |
| 1959 - 2 | 1967 | - 5 | 1973 | - 35 | | |
| 1960 - 1 | 1968 | - 6 | 1974 | - 31 | | |

La meza Esperanto-aĝo de SEJTano-75 estas 4,03 jaroj.

La plej aktivaj SEJT-anoj estas V.Ŝilas, partopreninta SEJT-9 ÷ SEJT-17, V.Jakovlev - SEJT-9 ÷ 17, V.Arolovič - SEJT-9,11÷17; B.Kolker - SEJT-9 ÷ 14,16,17; J.Vladimircev - SEJT-10 ÷ 13,15 ÷ 17; A.Gonĉarov - SEJT-9 ÷ 11,13,15 ÷ 17; A.Vizgirdas - SEJT-11 ÷ 17; N.Polakov - SEJT-10 ÷ 14,16,17; N.Korĵenevskaja - SEJT-10 ÷ 14,16,17; V.Zibenkes - SEJT-11 ÷ 14,16,17; T.Loskutova - SEJT-12 ÷ 17; T.Legkova - SEJT-12 ÷ 17.

La plej multnombraj grupoj venis el:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ŭfa | 20 h. | Ivanovo | 14 h. |
| Vilnius | 17 h. | Krasnojarsk | 13 h. |
| Barnaul | 15 h. | Tjumenj | 12 h. |

Kompilis O.Kazanova(Barnaul),B.Anoĥin(U-Kamenog.).

PAROLIGAJ KURSOJ. KIAJ ILI ESTU?

Finiĝis la tendaro en Ust-Kamenogorsk. Finis sian laboron la paroligaj kursoj. Sed... Ĉu solvis la demandon pri komencantoj la nova sistemo de paroligo? Ekzameniĝis nur tri dek homoj. Ĉu tio estas bone? Certe ne!

*La naskiĝdatoj estas ĉerpitaj el ĉiuj aliĝiloj sen konsidero partoprenon de la tendaro. - Red.

Ja devas esti programo de paroligo, kiu estu destinita por uzado nur en tendaro kaj por progresigaj kursoj en kluboj. Mi opinias, ke la lernolibro de B.Kolker neniuokaze povas esti uzata por progresantaj kursoj. Ĉu iam progresantoj komencis studi de nulo? Fakte la libro ne estas simpla, sed ĝi devas esti trastudita en kluboj. En paroligaj kursoj ne devas temi pri gramatiko, nur korekto de nekomprenitaj aĵoj - jen la tasko de ĉi-kursoj de la gramatika vidpunkto. Iu el gvidintoj kursojn (A.Rogov, V.Kulikov, Z.Skvorcova, G.Cejtin, B.Kolker, V.Nečovkin, A.Gončarov ktp.) proponu la programon, aŭ ĉiu sendu proponojn al elektita homo, kiu analizos la proponojn kaj kompilos koncernan programon.

Dua demando. Kiu devas gvidi kursojn? SEJT estas junulara tendaro, do instrui en ĝi devas gejunuloj. Ne pro tio, ke aĝuloj gvidas malbone. Ni, certe, devas ilin danki, ĉar ili instruis nin. Kaj ni ĉiam atendas ilian konsilon kaj danke akceptas ilian sperton. Sed estas junaj kamaradoj (ekz. A.Silantjeva kaj V.Golencova el Ufa), kiuj humorante gvidi kurzojn kaj preparinte sin por tio, tamen devis sidi en la Konferenco, ĉar al ili ne sufiĉis grupoj.

Trie, ĉiu klubestro devas respondeci pri la lingvonivelo de siaj venigitoj kaj zorgi, ke ĉiu partoprenínto de paroliga kurso plenumu ekzamenon.

Kaj kvare. Por ke komencantoj povu partopreni aliajn aranĝojn de la tendara vivo, la kursoj devas finiĝi anticipe.

M.Gilinskij (Leningrad).

## RECENZOJ PRI LA LERNOLIBRO DE B.G.KOLKER

Bonaj lernolibroj por Esperanto estas necesegaj, sen ili nur nemultaj kuraĝas instrui. La nivelo de instruado ankaŭ grave dependas de lernilo. Do, la afero, kiun faris B.G.Kolker, estas ege utila, kaj ni varme aplaŭdas lian sukceson. Lia lernolibropermesas instrui E-n en rondetoj kaj ankaŭlerni ĝin memstare. La lernolibro estas tre bone pripensita kaj kompilita. Ĝi permesas ekposedi E-on sufiĉe bone por paroli pri la plej uzataj temoj kaj kontentige korespondi. Kiu atente trastudis ĉi-libron ne bezonas aliajn lernilojn kaj povas memstare perfektiĝi en la lingvo, praktike uzante ĝin.

Sed eĉ la plej bonaj lernolibroj havas iajn mankojn. La ĉefa manko de ĉi-libro, laŭ mi, estas la foresto de vortaroj. Ne ĉiuj havas ambaŭ Bokarev-vortarojn, kaj,por trovi iun vorton, oni devas trarigardi la tutan libron. Ni ne povas riproĉi al la aŭtoro pro ĉi-manko: vortaroj ne estas pro "teknikaj kaŭzoj" - ege malfacile estus presi duoble pli dikan libron. Tamen...

Dua rimarko. Mi opinias, ke la ekzercoj de speco "Что означают следующие слова?"ofte estasmalfacilaj por komencantoj. Ekz., en la 7-a leciono necesas traduki vortojn: aliĝi, enigi, duobligi; en la 8-a: eksidinte, unuavide, onidiroj ktp. Mi proponis traduki la menciitajn vortojn al 10 homoj, kiuj jam estis en tendaro (do, ili jam ne estas komencantoj), kaj eĉ ne unu el 10 sukcesis traduki almenaŭ unu vorton. En rondeto sub gvido de instruisto - jes, eblas tion fari, sed por studantoj memstare tio estas malfacile. Eble estus senco proponi la samajn ekzercojn kun "ŝlosiloj", ekz., doni post E-vortoj iliajn rusajn tradukojn en malordo. Entute mi opinias, ke la lernolibro estas tre bona por homoj kun sufiĉe alta lingvistika nivelo. Kiel montras la sperto pere de ĉi-libro oni povas ekposedi E-on en 20 tagoj (ĉiutage po 1 leciono). Tiel ĝin koresponde ellernis E.Sudareva, instruistino de la germana lingvo en la Krasnojarska univesitato; S.Galkin, tradukisto el Kerĉ; D.Perov, biologisto el Saratov kaj ankoraŭ sufiĉe multaj homoj. Sed ili ĉiuj jam havas superan kleron kaj plejparte ~~jam~~ estas profesiaj lingvistoj. Por simplaj mortuloj iuj gramatikaj klarigoj el ĉi-libro ne sufiĉas. Ekzemple pri la artikolo "la". El la klarigo oni ne povas kompreni,

Ĉu estas ankaŭ nedifinita artikolo, ĉu estas ankoraŭ aliaj artikoloj ktp.

Certe, la plej bona varianto estu fari du apartajn lernolibrojn - por uzado en rondetoj kaj por memstara lernado. Sed tio dume estas nur revoj.

La aperinta libro estas fakto, kaj eble la ĉefa merito de la aŭtoro estas ĝuste en tio, ke li faris la libron taŭgan por ĉiuj.

N.Korĵenevskaja (Ufa).

Finfine aperis longe atendita lernolibro de B.G.Kolker. Sur paĝoj de la ufa gazeto "Leninec" pro diversaj kaŭzoj oni, certe, ne povis fari ĝin luksa. La libro estis plibonigita kaj aperis. Certe, granda kvanto de ekzercoj, de leksika materialo estas avantaĝo de la libro. Sed nekompreneble pro kio kutimaj vortoj kiel "hundo" kaj "kato" estas forprenitaj el la libro. Ĉu ni uzas la vorton "reklamo" pli ofte ol la vorton "kato"?

Bone, ke en ĉiu leciono estas ekzercoj por traduko el E kaj en E-on. Sed oni ĉiam devas komenci de la plej simpla. Simplaj ekzercoj por tuja tradukado en instruleciono j ankaŭ mankas. Sed por hejma tradukado la ekzercoj, certe, bonas.

La sperto de instruado de fremdaj lingvoj montras, ke oni ne devas doni tuj ĉiujn pronomojn, la finaĵojn de verboj ktp. Sed Esperanto ne estas fremda lingvo. Estas nur ses finaĵoj de verboj, kaj, certe, ili povas esti donitaj en la sama leciono.

La demandaj pronomoj en la lernolibro estasdonitaj aparte. Sed mi opinias, ke pli bone dum unu leciono doni la demandajn, en alia la posedajn, en la tria la montrajn ktp. Ja kompreni tion, kio estas en sistemo, estas pli facile. Jen komparu la samajn frazojn en la angla, hispana, franca kaj Esperanto respektive:

| | | | |
|---|---|---|---|
| I am. | Yo soy. | Je suis. | Mi estas. |
| You are. | Tu eres. | Tu es. | Vi estas. |
| He is. | El es. | Il est. | Li estas. |
| She is. | Ella es. | Elle est | Ŝi estas. |
| We are. | Nosotros somos.son. | Nous sommes. | Ni estas. |
| They are. | Ellos vosotros sois. | Ils sont. Elles sont. | Ili estas. |

Certe, samtempe doni la pronomojn en fremdaj lingvoj ne taŭgas, sed en Esperanto oni tion povas fari, kaj laŭ mi eĉ devas!

Grandan meriton la libro havas pro la lastaj 6 lecionoj. Tie oni skribas pri tendaroj, pri la ideo de Esperanto, sed mi pensas, ke la tekstojn "Kantoj, kantoj..." kaj "La lando, kiu ne estas sur la mapo" povas esti anstataŭigitaj per teksto pri la Soveta Unio kaj pri la E-movado en nia lando. Certe, tio estas rajto de la aŭtoro, sed mi dezirus vidi tiujn tekstojn en la libro kaj, laŭ mi, ili necesas.

M.Gilinskij (Leningrad).

## ~~Esperanto~~ ESPERANTO, "TUPAL" KAJ "VEĈERNIJ"KIEV"

La 23-an de septembro kieva vespera gazeto "Veĉernij Kiev" en la rubriko "Interesa planedo" aperigis artikolon "Lingvistika varo". Jen traduko de la artikolo.

Lingvistika varo

Komence de la nuna jarcento en Eŭropo kaj Ameriko dum ioma tempo moda estis internacia lingvo Esperanto. Sed tielsame kiel la projektoj de aliaj artefaritaj lingvoj, ĝi estis nevivokapabla. Interalie, internacia ligo de esperantistoj kunligas iomete pli ol 50.000 personojn.

Lastatempe en la eksterlanda gazetaro oni skribas pri nova "universala lingvo", kiun"inventis" hispano Ĥuan Ramon Palanka. Sian ideon li nomis "Tupal". La gramatiko de "tupal" okupas 20 paĝojn, kaj

la vortaro enhavas 6 mil vortojn.
En reklama afiŝo la aŭtoro energie laŭdas sian lingvistikan varon kaj fine petas ĉiujn ekinteresiĝintojn sendi monon en la urbon Valencio. Ĝuste tie loĝas sinjoro Palanka.

Ŝajnas al mi, ke necesas urĝe skribi leterojn al la redakcio de la ĵurnalo por montri vivokapablon de nia lingvo kaj vastiĝon de ĝi en nia lando. Tio multe helpos al kievaj E-istoj dum eventualaj kontaktoj kun la ĵurnalo. Ju pli multe da leteroj ricevos la redakcio des pli bone, certe, estos por niaj kontaktoj.
Bedaŭrinde mi ne sukcesis partopreni la lastan konferencon, sed en la septembra numero de "A" mi multe legis pri interhelpo, kia bezonata kaj necesa ĝi estas. Karaj geamikoj! Montru vian solidarecon kaj helpopretonǿ! Antaŭdankon.

M.Lineckij, gvidanto de Kieva E-klubo de internacia amikeco "Ora Perdego".

Pri la sama temo

Al "Aktuale" estas sendita artikoleto de kievanoj pri informo, aperigita en "Vespera Kievo" - tie temas pri nova lingvo "tupal", kaj estas menciita E-o. La URSA-komitato proponas jenan rimarkon.

Rimarko de la URSA-komitato

Ni atentigas legantojn de la informo, ke la menciitan informon disponigis al redakcioj de ĉiuj gazetoj kaj ĵurnaloj la soveta agentejo APN. La artikoleto jam aperis en "Komsomolskaja pravda" kaj "Vespera Donecko", ĝi povas esti publikita en aliaj organoj. Do, en viaj leteroj al iu ajn gazeto ne mallaŭdu la redakcion, sed klarigu la erarojn en la artikoleto kaj petu la redakcion, se eblas, transsendi la leteron al la agentejo APN. Uzu eblecon proponi al redakcioj artikolojn pri la historio kaj nuna stato de interlingvistiko (sed ne nur Esperanto!).

La URSA-komitato (Doneck).

FAKESTROJ, ATENTU! ATENTU ĈIUJ ESPERANTISTOJ!

Dum la lasta SEJM-Konferenco oni multe parolis pri fakaj laborgrupoj - fakaj komisionoj. Tiu demando estis tuŝita ankoraŭ dum la regionaj kunvenoj en SEJT-17, kaj kelkaj personoj tiam esprimis sian deziron labori ĉe difinita fako. Do, gekamaradoj- fakestroj, bonvolu atenti viajn eventualajn helpontojn.

Scienc-esplora fako
Novikova L. - 456300 MIASS Sverdlova, 8-102.
Legkova T. - 656099 BARNAUL-99, poŝtrestante.

Historia fako
Belogolovskij M. - 340086 DONECK-86, Gorjkogo, 33-3.
Dolganova N. - 446010 SIZRANJ-10, Gogolja, 12-7.
Komarova J. - 153030 IVANOVO-30, Streloĉnaja, 16-3.
Juŭvidin P. - 450077 UFA-77, Dostojevskogo, 64-2ª.

Lumbilda fako
Medins A. - 226002 RIGA-2, Ed. Smilĝa, 34-5.
Vizgirdas A. - 235800 KLAIPEDA, p.k. 167.
Maticina N. - 656002 BARNAUL-2, pr. Lenina, 100-35.
Legkova T. - vidu supre.
Bastoŭogov J. - UST-KAMENOGORSK, pr. Lenina, 43-53.

Naturamika fako
Hajdas A.I. - 450025 UFA-25, a.k. 162, E-klubo.
Kolesnik A. - Pro manko de adreso uzu tiun de V.J.noĉevkin: 314000 POLTAVA, poŝtrestante.

Korespondа fako
Berdnikova L. - 456316 MIASS, abonkesto de Esperanto-klubo.

Sed, bedaŭrinde, ne ĉiuj fakoj estas ĉi-tie reprezentitaj. Ĉu vere ne estas dezirantoj kunlabori kun la Scienc-Teknika fako, Bibliografia, Metodika, Poezia, Kolektanĝta, Lerneja, Magnetofona? Ĉu neniu interesiĝas pri tradukarto? Speciale necesas diri pri la Informa fako: en ĉiu klubo devas esti homo, kiu prizorgos sendadon de materialoj al "Informa kolekto". Do, la listo estas daŭrigenda. Klubgvidantoj, priparolu tion kun viaj klubanoj. Interesiĝentoj, anoncu vin, nepre indikinte vian adreson. La fakestroj atendas vian helpon.

N.Cvileneva, v/p de SEJM pri faka agado.

GIRULIAI-75

Tri tagojn la 27-29 de junio en Giruliai funkciis la 7-a tradicia tendaro de Klaipeda ~~junulara~~ Esperanto-klubo dediĉita al la 30-a datreveno de la Venko kontraŭ faŝismo kaj al la 35-jariĝo de Soveta Litovio.
La tendara programo estis varia. Interese pasis la renkontiĝo kun veteranoj de la Granda Patria milito membroj de nia klubo N.Skakunov kaj V.Baniulaitis, kiuj rakontis siajn rememorojn pri la tagoj de la Granda venko. Oni kun intereso ekaŭdis, ke Nikolao Skakunov pri Esperanto ekscii dum la milito en la ĉefurbo de Pollando, trovinte en ruinoj ruslingvan libron pri la Internacia lingvo.
Tendaranoj aktive partoprenis sportajn konkursojn, ludojn, konkursojn. Dum la duetapa interpretista konkurso la plej bonan pretecon kaj lingvoscion montris P.Jegorovas (Vilnius), R.Keliuotis (Klaipeda), A.Vaiĉiukenaite (Kaŭnas). Eksterkonkurse en la sinkrona tradukado sin provis A.Vizgirdas, V.Ŝilas, P.Jegorovas. Dum la regiona SEJM-kunveno oni priparolis la prepariĝon al SEJT-17 kaj pridiskutis aliajn aktualajn demandojn. Dumtendare oni ankaŭ akceptis novajn membrojn al la klubo.
Vespere ĉe fajro okazis koncerto, kiun organizis kanta grupo gvi/de de A.Vizgirdas. Interesajn intermediojn, skeĉojn, rakontojn prezentis la gastoj. Dum la komuna vespermanĝo ĉe fajro oni gustumis ĉeburekojn.
Sur la sabla strando oni sunbanis, ludis, babilis. Gajajn sportludojn gvidis J.Norvilaitė. Malgraŭ la ne tre varma vetero ne mankis dezirantoj provi la temperaturon de la marakvo. Tridek tendaranoj partoprenis ekskurson per ŝipo al la Balta maro, kiun gvidis B.Kasperiūnas. Funkciis E-butiko, legejo, senmalgajna loterio. Nokte la partoprenantoj spektis lumbildojn pri SEJT-16. Apud la tendaro funkciis speciale prizorgita ŝaŝlikejo, kie oni povis aĉeti abkaŭ diversajn trinkaĵojn.
Je la nomo de partoprenantoj estis sendita gratula telegramo al Rostocka Esperanto-klubo lige kun la okazonta internacia Pacsemajno de la Balta maro.
La tendaron partoprenis 84 personoj. Krom klaipedanoj ankaŭ estis 41 gastoj el Palanga, Kretinga, Maĵeikiai, Kaŭnas, Kapsukas, Joniŝkelis, Pasvalys, Riga, Anykŝĉiai, Vilnius, Leningrad, Doneck. Ĉiu partoprenanto akiris tendaran emblemon kaj insignon.
La tendaro finiĝis per komuna fotado kaj amika rondo.
Organizante la tendaron plej multe ŝvitis la prezidanto de la klubo J.Bilkŝtys, estraranoj V.Vaitkevičienė, V.Paŭlaŭskas, aktivuloj H.Vaitkevičius kaj A.Vizgirdas. La urba ĵurnalo "Tarybinė Klaipėda" (Soveta Klaipeda) pri ĉi-aranĝo aperigis artikolon "La kantoj ĉe fajro".

Partoprenanto

ĈU NI KUNLABORU?

Ŝajnas al mi, ke ne malutilus suplemento al la rusa-Esperanta vortaro, eldonita en 1966. La unua etapo de tiu laboro estu inversigo de la Esperanta-rusa vortaro de E.Bokarev, kiu enhavas multajn vortojn ne troveblajn en la rusa-Esperanta.
Ĉu eble tiu laboro jam estas farata? Ĉiuj interesiĝantoj estas petataj skribi al Vladimir Gakalenko:
187503 Tiĥvin-3 Leningradskoj obl., do vostrebovanija.
V.Gakalenko (Tiĥvin).

KALENDARO DE RENKONTIĜOJ
(1975/76 j.)

ĈEBALTIO
Oktobro. La 3-5-an . Literatura renkontiĝo "Muzo-75".(Respondecas Vilniusa klubo).
Oktobro-novembro. "Ora folio - 75". (Riga E-klubo).
Novembro. La 7-9-an. Regiona renkontiĝo ĉe Minsk.
Decembro-januaro. La 31-1-an. Novjara renkontiĝo.(Vilniusa klubo).
Februaro-marto. "Neĝfloketo -76". (Riga E-klubo).
Majo. La 1-2-an. "Boata marŝo - 76". (Vilniusa E-klubo).
La 9-an. Orientiĝkonkurso. (Riga E-klubo).
Junio. "Giruliai-76". (Klaipeda E-klubo).
Somero. BET-17. (Litovio).
"Esperanto kaj naturo". (Tallina E-klubo).

CENTRA RUSIO
Novembro. La 7-9-an. Regiona renkontiĝo en Moskvo. (Moskvo).
Decembro. La 5-7-an. Okaza renkontiĝo en Leningrad. (Leningrad).
Majo. La 1-2-an. Regiona renkontiĝo en Kolomna. (Turnu vin al kolomna SEJM-subtenanto V.Sokolov).

UKRAINIO
Decembro. La 5-7-an. Regiona renkontiĝo en Doneck. (Turnu vin al Sergeo Miŝĉenko: 340094 Doneck-94, do vostrebovanija).
Printempe. Arta renkontiĝo. (Informas S.Miŝĉenko, vd. supre).
Januaro-februaro. Jubilea aranĝo de Poltava E-klubo. (Informos la SEJM-reprezentanto en Poltava).

VOLGO-URALIO
Novembro. La 7-9-an. REVU-12. (Ufa E-klubo).
Majo. REVU-13. (Estas planata en Tjumenj).

OKCIDENTA SIBERIO
Novembro. La 7-9-an. OSER-25. (Barnaula E-klubo).
Decembro. Tradicia Vespero de internacia amikeco en Novosibirsk. (Novosibirska E-klubo).
Marto. La 6-8-an. Regiona renkontiĝo en Ust-Kamenogorsk. (Ust-Kamenogorska E-klubo).

Kompilis en SEJT-17 M.Belogolovskij (Doneck).

INFORMOJ * ANONCOJ * PETOJ * SCIIGOJ

Klubestroj, atenton!
La Komitato de SEJM kune kun la Klubo-mastro pritaksis la dumtendaran aktivecon de la kluboj kaj decidis pri jena poentigo (skalo 0 - 40):

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1. | Miass | 40 | 12. | Leningrad | 15 | 23. | Ĉelabinsk | 8 |
| 2. | Ufa | 40 | 13. | Taŝkent | 15 | 24. | Doneck | 5 |
| 3. | Barnaul | 30 | 14. | Tiĥvin | 15 | 25. | Liepaja | 5 |
| 4. | Ivanovo | 30 | 15. | Omsk | 10 | 26. | Maĥaĉkala | 5 |
| 5. | Tjumenj | 30 | 16. | Poltava | 10 | 27. | Novosibirsk | 5 |
| 6. | Vilnius | 30 | 17. | Rostov-Don | 10 | 28. | Siktivkar | 5 |
| 7. | Ĥarkov | 20 | 18. | Salavat | 10 | 29. | Sizranj | 5 |
| 8. | Klaipeda | 20 | 19. | Soĉi | 10 | 30. | Kaunas | 0 |
| 9. | Krasnojarsk | 20 | 20. | Talgar | 10 | 31. | Kujbiŝev | 0 |
| 10. | Moskvo | 20 | 21. | Tula | 10 | 32. | Sterlitamak | 0 |
| 11. | Riga | 20 | 22. | U-Kamenogorsk | 10 | 33. | Birsk | 0 |

La poentoj validas por la kuranta agadjaro. Do, enskribu ilin.

* * *   * * *   * * *

SEJM aranĝas aĉeton-vendon-interŝanĝon de E-aĵoj. Interesitoj, sendu viajn ofertojn-mendojn (kvinekzemplere) laŭ jena modelo:

Volas vendi . . (1)
Volas interŝanĝi (2)
Volas aĉeti . . (3)

I. Libro(j)

(2) "Reĝo Edipo kaj Antigono" - Sofoklo, eld. "Stafeto" (Kan.insuloj), 1960 j., 215 p. - (2,50 rb.).

II. Periodaĵo(j)

(1) "Kulturaj kajeroj" - eld. Francio, 1974 - 2, 3, 4/5, 6, 1975- 2. (Po 1 rb. ĉiu numero).

III. Insigno(j)

(3) E-klubo de Opava (ĈSSR) - 60 kop.

IV. Ceteraj E-aĵoj

(1) Zamenhof-poŝtkartoj malnovaj - 30 kop. ĉiu.

---

Viaj poŝtindekso, adreso, nomo (nacilingve)

---

La slipojn kun ofertoj-mendoj (certe, ili estu nur sur unu flanko de folio) poŝtmarkoj je 20 kop. kaj 5 afrankitajn kovertojn sendu al Melnikov A.S.: 344007 Rostov-Don-7, abon. jaŝĉ. 393. Mi sciigos vin pri eventualaj eblecoj vendi, aĉeti, interŝanĝi tion, kion vi menciis en la slipoj.

A.Melnikov (Rostov-Don).

* * *   * * *   * * *

HELPU TROVI LIBRON!

La Terminologia sekcio de la ST-fako de SEJM urĝe bezonas la libron: "Dollinger,A., Schweisstechnik. Englisch - Deutsch - Polnisch-Slowakisch (Technik-Wörterbuch)".(746 paĝoj, eldonita en GDR, verŝajne). Sciigon pri ĝi mi ricevis el GDR (sed tie ĝi kostas ĉ. 25 rb. Se iu povas akiri ĝin en USSR, nepre tuj informu al V.Gakalenko:
187503 Tiĥvin-3 Leningradskoj obl., do vostrebovanija.

* * *   * * *   * * *

Se iuj E-kluboj bezonas presitajn varbafiŝojn, ili povas turni sin al Talgara E-klubo "Verda Brigantino". La dimensioj de la afiŝo estas 42x60 cm, la teksto - ruslingva. La kvanto de akireblaj afiŝoj estas konforma kun la kvanto de membroj en mendanta klubo. Mendo de pli granda kvanto estas antaŭe interkonsentenda. La prezo de unu afiŝo estas 12 kop. + sendokosto. Turnu vin al G.Gercikov: 483310 Talgar, Alma-Atinskaja obl., ul. Kommunistiĉeskaja, 278. (La teksto de la afiŝo estas sur la sekva paĝo).

Klubo de Internacia Amikeco

ANONCAS AKCEPTON
Al kurso de internacia lingvo
"E S P E R A N T O"

"Modelo de logiko kaj simpleco" - Esperanto estas 10-12-oble pli facila ol ĉiu nacia lingvo.
Se vi volas paroli kun la tuta mondo - studu Esperanton!
La unua leciono okazos la 1-an de oktobro 1975.
La komenco je la 18-a horo.

---

Komenciĝis E-kurso en la urba Pionirdomo. La kurso estas tute oficiala, la instruado estas eĉ pagata. La rondeto tamen nomiĝas "Klubo de Internacia Amikeco" sen mencio de E. Ni esperu, ke dume. E-on studas grupo de infanoj 13-15-jaraj. Estas peto al instruistoj, kiuj gvidas rondetojn por infanoj - bonvolu sendi gratulleterojn aŭ gratulbildkartojn laŭ la adreso: 483310 Alma-Atinskaja obl., Talgar, Dom Pionerov, Klub Internacionalnoj druĵbi." Eble ankaŭ leterojn de gelernantoj, dume ruslingve, komence de decembro ni ekkorespondos Esperante.

G.Gercikov (Talgar).

* * *  * * *  * * *

"En la eldonplano por 1976 de estona ŝtata eldonejo "EESTI RAAMAT" aperis sub n-ro 152 en Esperanto eldonota verko el la estona "MASTRO DE KÕRBOJA" de estona klasikulo Anton Tammsaare.La verko aperos en 1976. Nunjare aperos "KALEVIPOEG", ĝi estas en presado kaj en la lasta trimestro aperos por vendado.
En preparo estas albumo "TALLINN" kaj la verko de Paul Kuusberg "MEZSOMERE", aperos en 1976 aŭ en 1977.
E-istoj ekster Estonio povas sciiĝi siajn mendojn el la ŝtata eldonejo:
"EESTI RAAMAT", 200001 TALLINN, Pärnu mnt. 10, Estona SSR."

El "Informguto"-10(34).

* * *  * * *  * * *

UKRAINIA KANTARETO

La URSA-komitato planas aperigi ukrainan kantareton. Ni petas ĉiujn gekamaradojn, kiuj havas tradukojn de popolaj aŭ modernaj ukrainaj kantoj, sendi ilin (dezirinde kun muziknotoj) al Sergeo Miŝĉenko: 340094 DONECK-94, do vostrebovanija. La plej bonaj tradukoj estos premiotaj.

URSA-komitato (Doneck).

En la urbeto Slavjanogorsk de Donecka regiono la 11-13-an de julio okazis seminario de ukrainiaj E-aktivuloj, kiun partoprenis 9 personoj el Doneck, Ĥarkov, Zaporoĵje. Estis pridiskutitaj problemoj de la ukrainia movado kaj demandoj, ligitaj kun la proksimiĝinta SEJM-Konferenco. Okazis nokta ekskurso al la restaĵoj de iama monakejo.

Donecka E-klubo.

* * *  * * *  * * *

BIJSK

En urbaj gazetoj kaj en ĵurnalo de la najbara Gorno-Altajska regiono aperis artikoloj pri E kaj ĝia kreinto, ankaŭ pri SEJT-17. Estas planataj pluraj prelegoj pri E kaj E-kurso.

I.Korolev(Bijsk).

---

Redaktis V.Ebel.    Redakcio: 656099 BARNAUL-99, a.k.11, "A".